17-a jaro. N-ro 4 (188) Septembro 1931




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO

**Jara kotizo kun abono : Fr. 30,- — Eksterlando : Belgoj 6,-**

ANTVERPENO
1931

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro:**

Prezidanto pro honoro: A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Prezidanto: Fr. Schoofs, Kl. Hondstr., 11, r. du Petit Chien, Antverpeno.

Vic-prezidantoj: L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.

P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstraat, Bruselo.

Gen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.

Kastisto: M. Jaumotte, De Bruynlaan, 44, Antverpeno-Wilrijck.

---

Direktoro de la oficiala organo: F. Schoofs.

---

**Komitato:**

**Konstantaj komitatanoj:** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van den Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj:**

AALST: Alosta Grupo Esperantista.
ANTVERPENO: « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUGO: Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
CHARLEROI: Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. — P. Kempeneers, R. Brihay.
GENTO: Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
HASELTO: Haselta Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.
KORTRIJK: Grupo Esperantista.
LIEGO: « Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO: « Liera Stelo ». — Jos. Leflot.
LOKEREN: « Durma Stelo ». — A. Roels.
LOVENO: Grupo Esperantista. — R. De Keyser.
MEĤLENO: Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT: Grupo Esperantista. — L. Braet.
SPA: Grupo Esperantista. — J. Desonay.
SCLESSIN-LIEGO: « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
THIENEN: Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.
VERVIERS: Grupo Esperantista. — Jos. Hérion.

---

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Efektivaj membroj: F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.

Anstataŭantoj: Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Kandidatoj al la diplomo bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

---

**Gazetara Servo:** F. Schoofs, Edg. De Coster.

**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo:** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belga Esperantisto ».

**Poŝtĉeko: 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

---

Por la kroniko: la grupoj bonvolu havigi al nia Generala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

17a JARO N-ro 4 (188) SEPTEMBRO 1931.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro: FRANS SCHOOFS, 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno, Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al Poŝtĉeko No 1337.67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## 23a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Krakovo, 1-8 Aŭgusto 1931**

Duafoje la urbo Krakovo gastigis la Esperantistojn, duafoje la kongreso en Krakovo estis sukceso ! Malgraŭ la malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj ĝi kunigis pli ol okcent partoprenintojn.

Ni diru tuj, ke niaj polaj samideanoj faris ĉion eblan por kontentigi ĉiujn kaj por agrabligi kiom eble plej multe la restadon de la kongresanaro en sia urbo kaj en sia lando.

En la stacidomo la alvenintoj estis bonvenigitaj ĉe la vagonaro kaj tuj kondukitaj al bele ornamita akceptsalono, kie funkciis oficejo, kies afablaj deĵorantinoj direktataj de S-ino J. Neubergova, aranĝis la plej necesan detalon por la kongresanoj: la loĝadon, kaj donis la unuajn praktikajn informojn.

La orientado en la centra urbo, kiu estas tute ĉirkaŭita de bela parko-bulvardo, estas tre facila. Tiu urbokerno ne estas tre vasta kaj enhavas preskaŭ ĉiujn ĉefajn konstruaĵojn kaj kongresejojn.

Tre facile oni atingas la akceptejon, kie sur la diversaj etaĝoj funkcias la diversaj servoj, la vendejo, kaj kie okazos la fakkunsidoj dum la kongres-semajno. Tie ni ricevis la tradician kongreskoverton, kun grandcifera numero; ĝi enhavis kongreskarton, insignon kiu iom memorigas pri tiu de Antverpeno, kongresan libron plaĉe sur luksa papero presitan, belan ilustritan gvidlibron tra Krakovo, interesan broŝuron pri Polujo, kaj diversajn propagandilojn kaj prospektojn. Armita per tiu dokumentaro la kongresano trabatos al si la vojon tra la kongrestempo.

* * *

Jam sabaton matene, la unuan de Aŭgusto kunsidis la Internacia Centra Komitato kaj la Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj, por plenumi diversajn preparajn laborojn, interkonsente kun la Loka Komitato organiza, kaj vespere oni ĝuis la ĉiujaran belan spektaklon de la solena malfermo, kiu havis lokon en la bela Ĉambrego de la Katolika Domo.

S-ro Long, prezidinto de la antaŭa kongreso en Oxford, per mallonga parolado malfermis la kunsidon kaj proponis elekton de la estraro por la 23a kongreso: honora prez.: Prof. Zaleski, rektoro de la Krakova universitato; prezidanto: Prof Odo Bujwid; vic-prezid.: F-ino Weinberger, S roj Christanell, Canuto, Dahl, Enthoven, Fox, Indra, Kamaryt, Karsch, Kawahara, Radek, Robertson, Schoofs, Ssaz, Tor, Warnier; ĝeneralaj Sekretarioj: R. Kreuz, Hodakowski, Rudnicki; Sekretarioj kaj vic-sekr.: Alfus, Bilinski, Breher, S-ino Rosenthal, Ziomek, Dabrowski. — La ĉeestantaro aplaŭdis kaj S-ro Long cedis la prezidan seĝon al Prof. Bujwid, kiu bonvenigis ĉiujn gastojn.

S-ro Merchant, prezidanto de I.C.K., salutis la kongresurbon kaj la polan landon kun ĝia glora historio, la landon en kiu naskiĝis, vivis, laboris, kaj dormas D-ro Zamenhof. Citinte kelkajn famajn polajn filojn li diris, ke venos tago, kiam ĉiu konsentos, ke la plej granda filo de Polujo estas Zamenhof.

Tiam li havis emocian saluton al la memoro de samideanoj-kunlaborantoj, kiuj mortis dum la pasinta jaro, inter kiuj li citis Prof. Cart kaj D-ron Sos. La ĉeestantoj starante aŭskultis tiujn vortojn.

S-ro Merchant daŭrigis, skizante la laboron faritan de la Kongreso de Oksfordo ĝis nun. Li atestis la progresadon de Esperanto, kiu jam nun estas vivanta forteco en la tuta mondo civilizita. Li ĉefe deziris kontraŭagi la onidiron, ke Esperanto-movado ankaŭ travivas « sian krizon ». Li energie alvokis ĉiujn kuraĝe labori kaj forskui de si ĉiun pesimismon, kiom ajn laŭmoda ĝi povus esti. Sub forta aplaŭdado li citis la rezultatojn akiritajn de kelkaj ĉefaj propagandistoj, ekz. S-roj Avril, Jungfer, Ĉe, Steiner, Kreuz, k. c.

Tiam parolis la vicvojevodo D-ro Bilek, universitata rektoro Zaleski kaj vic-urbestro Klimecki, ĉi tiu en Esperanto. Sekvis la reprezentantoj de la registaroj de Aŭstrujo, Germanujo, Liĥtenstejno, Nederlando, Hungarujo, Norvegujo, Rumanujo, kaj delegito de la urbo Bjalistoko. Poste oni aŭdis la parolantojn por la Internacia Labor-oficejo, la Tutmonda Sionista Movado, la Skoltoj, kaj kelkaj aliaj.

Kiam la orkestro estis ludinta la « Tagiĝon », D-ro Leono Zamenhof, frato de la aŭtoro de Esperanto, per sia kutima bela stilo diris altsentan paroladon pri la devo por ĉiuj samideanoj, konstante klopodi, ne aŭskultante tiujn, kiuj provos disĵeti inter ili senkuraĝigon kaj pesimismon. Li substrekis la paroladon de S-ro Merchant pri la efektiva progresado de nia movado.

La Generala sekretario legis telegramajn kaj leterajn salutojn de multnombraj institucioj, komercaj ĉambroj, samideanoj malhelpataj ĉeesti, k.a.

La tradicia salutparoladaro de la landaj reprezentantoj sukcesis en tiu rilato, ke la paroladoj estis mallongaj kaj ke preskaŭ ĉiuj parolintoj klare kaj ekzemple eldiris siajn vortojn, per tio donante plej bonan bildon pri la belsoneco kaj facila komprenebleco de nia lingvo. Salutis por Belgujo, S-ro F. Schoofs. je la nomo de U.E.A. salutis S-ro Joh. Karsch, vic-prezidanto; li ĝojis pri la fakto, ke multaj kongresanoj portas la insignon de UEA kaj li akcentis pri tio, ke tiu Asocio, kies devizo estas: « servi al Esperanto », konkorde laboras kun la naciaj societoj kaj kun I.C.K.

Ludado de nia himno « La Espero », kunkantita stare de ĉiuj ĉeestantoj, finigis tiun belan feston, post kiu okazis ankoraŭ familia kunesto en la malnova teatro.

Dimanĉon matene okazis du diservoj: katolika, je la 8a h. en mirinda, antikva preĝejo Sta Maria, sur la Ĉefplaco, la vera centro de la urbo; protestanta en la preĝejo Sta Martino, strato Grodzka. La katolika meso estis celebrata de pastro Ĉe kaj la prediko farata de p-tro Kukulka; la protestanta diservo estis farata de pastro Hoppe. Poste okazis kolektiĝo ĉirkaŭ la monumento de la fama pola poeto Mickiewicz sur la 43.000 m2 vasta ĉefplaco, antaŭ la malnova draphalo el la 15a-16a jarcento, kies etaĝo servas provizore kiel nacia muzeo. Je la 9 h. 30 la kongresanoj promenadis tra la urbo, iris sub la belstila « Florjana Pordego » (antikva bastiono), kaj preterpasis la « Barbakan », nomata « kaserolo » (preskaŭ unika monumento de fortikaĵa arĥitekturo el la XVa jc.), kiu iom memorigis al ni la « Rabot » el Gento. Baldaŭ ni alvenis al strato Niecala ĉe la urba parko, kie atendis nin granda homamaso. Ĉe la angulo de la strato ni rimarkis du tukojn, kiuj kovras tabulojn, kiujn baldaŭ, post inaŭgurparolado, la vic-urbestro de Krakovo malkovros. Unu surhavas « Ulica D-ra Ludwika Zamenhofa » (Strato D-ro Ludoviko Zamenhof) kaj anstataŭas tiun de Str. Niecala; la alia estas memortabulo pri la nova nomo de la strato. Post dankparolado de D-ro Bujwid al la Urbestraro, la amaso kantis « La Esperon » kaj promenis sub la varmegaj radioj de la suno al la altaĵo, kie staras la kastelo Wawel, la iama kastelo de la reĝoj de Polujo, impona konstruaĵo kiu estas ligita al la tuta historio de la pola lando kaj kiu regas la urbon Krakovo kaj la tutan pentrindan valon de la Vistulo. Tie okazis la fotografado de la kongresanaro, kiu bonege sukcesis, verŝajne dank'al la abunda ŝvitado de la fotografitoj dum dudekminuta operacio sub la brulanta suno. Ne gravas! La produktaĵo estos konkreta pruvo pri la ekzisto de la Esperantistoj!

Posttagmeze oni aŭtomobil-veturis al la belega Wola arbaro en la montoj apud la Vistulo. Dum tiu ekskurso okazis konkurso oratora, en kiu partoprenis deko da diverslandaj gesamideanoj. La juĝantaro konsistis el S-roj Warden, prezidanto; S-ino Tiard, S-roj Loth, Krysta kaj Schoofs, membroj; S-ro Dreher, Sekretario. Estis premiitaj: S-roj Font Giralt, Tiberio Morariu kaj Jan Jarecki.

* * *

La unua laborkunsido okazis lundon matene, prezidata de S-ro Merchant. Ĝi estis dediĉata al la diversaj raportoj de la oficialaj organizaĵoj. Tiuj raportoj, presitaj en libro 90-paĝa per la zorgoj de la Internacia Centra Komitato, estis disdonitaj kune kun la aliaj kongresdokumentoj. S-ro R. Kreuz, Direktoro de I.C.K. komentariis la ampleksan kaj tre detalan raporton de tiu organizaĵo kaj laŭdemande donis informojn pri la diversaj temoj. Post li S-ro Schoofs, Sekretario-kasisto de Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj legis la jarraporton pri tiu organizaĵo kaj alvokis al fakta kunlaboro la kelkajn landajn asociojn, kiuj tion ĝis nun ne faris. S-ro J. Karsch petis, ke oni multnombre ĉeestu la morgaŭan kunvenon, kie speciale estos pritraktataj la aferoj de U.E.A.

Laŭ propono de S-ro Merchant estis decidite, sendi saluttelegramon al la prezidanto de la Pola Respubliko, alta protektanto de la kongreso.

S-ro Steiner donis valorplenajn detalojn pri la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, kiu nun havas librotrezoron de 5500 volumoj.

S-ro J. Fethke pledis por pli intensa propagando per la filmo, kiu povas sciigi pri Esperanto al 200 milionoj da personoj, kiuj ĉiusemajne vizitas la

kinematografejojn. Pri tiu punkto okazis interesa diskuto inter diversaj kongresanoj.

Posttagmeze estis kunveno de la Ĝenerala Estraro, kiu estas komuna kunsido de I.C.K. kun la reprezentantoj de la landaj asocioj en K.R. kaj kun la komitato de U.E.A. — Samtempe okazis fakkunsidoj de la Katolikoj, de la Blinduloj, de la Internacia Ligo de Esp. Poŝt- kaj Telegrafoficistoj, Unuiĝo de Esp. Vegetaranoj kaj de Abstinenculoj. La Komitato de U.E.A. kun la Ĉefdelegitoj ankaŭ aparte kunsidis.

Vespere okazis en la Malnova Teatro bela Internacia koncerto, kun programo diverslingva.

* * *

Mardon la tago komenciĝis per la ĝenerala kunveno de U.E.A. prezidata de S-ro J. Karsch, vic-prezidanto, dum kiu S-ro H. Jakob, Direktoro de U.E.A. klarigis la agadan kaj financan raporton de tiu Asocio. Tre interesaj diskutoj okazis ĉirkaŭ la diversaj pritraktitaj punktoj.

Tiun tagon kunvenis ankaŭ I.C.K. kaj la K.R. Ĉi tiu ree ekzamenis la proponojn pri reorganizo de la tutmonda movado kaj post longa diskutado akceptis la rezolucion de la Brita Esp. Asocio, kiu celas bone kaj plenforte funkciigi la organizaĵojn nun ekzistantajn, kiuj ne ankoraŭ donis sian plenan rezulton pro la ĉiamaj diskutadoj pri ŝvebantaj planoj kaj projektoj.

Cento da diversnaciaj kongresanoj ĉeestis tagmanĝon prezentitan de Prof. Odo Bujwid kaj teon prezentitan de I.C.K.

La fakkunsidoj estis tiuj de la Pacifistoj, de Interniaro, de la Studentoj, de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esp., de la Stenografoj kaj de la Nefumantoj.

* * *

Merkredon oni aŭdis dum la dua laborkunsido bonajn raportojn de S-ro Ŝapiro pri liaj spertoj rilate al la gazetara propagando; de S-ro Teo Jung, eldonisto de « Heroldo de Esperanto » pri la Centrigo de la gazetara informado pri Esperanto kaj de S-ro Karsch, pri la vojoj kaj metodoj de apliko de Esperanto por turisma reklamo. Notindaj estas la praktikaj konsiloj, kiujn pri la gazetaraj servoj donis S-ro Ziomek, kiu restis ĉe la faktoj kaj pruvis, ke li havas klaran vidon super la tuta afero kaj la ĝin ĉirkaŭantaj cirkonstancoj. Ankaŭ prenis la parolon en la diskutoj S-roj Agourtine, Münz, Schoofs, Kreuz, kaj aliaj.

Poste F-ino Lidja Zamenhof aŭdigis al ni la voĉon de nia majstro pere de la disko, kiun farigis niaj samideanoj de Barcelono, el la primitiva materialo de multaj jaroj konservita de S-ro Sabadell, el tiu sama urbo. Bedaŭrinde granda parto estas iom konfuza kaj la alia parto iom malforta: la tekniko ne sukcesis havigi pli bonan rezulton. Malgraŭ tio la momento estis emociiga, kiam ĉiuj ĉeestantoj kortuŝite aŭskultis la karan voĉon kvazaŭ alvenantan de tre tre malproksime...

S-ro Schoofs proponis rezolucion de danko al la katalunaj samideanoj pro ilia pia laboro.

Posttagmeze havis lokon kunveno de la Lingva Komitato, gvidata de S-ro J. M. Warden, el Edinburgo. Tiu kunveno akceptis la telegramon el

Parizo sciigantan, ke la Akademio nomis S-ron Warden kiel prezidanton de la Lingva Komitato.

La Ĝenerala Estraro havis sian duan kunsidon, dum kiu estis komunikita la decido de K. R. pri la reorganiza problemo. Ĉar la komitato de U.E.A. havas la saman opinion tiurilate, la Ĝenerala Estraro finigis la diskuton pri tiu punkto, konfirmante la decidon de ambaŭ instancoj suprenomitaj.

Fakaj kunsidoj estis organizitaj de la Internacia Scienca Asocio, de Radioamatoroj, de la Bahaanoj, de « Heroldo de Esperanto », de « Oomoto », de Unio Homarana.

Kaj vespere okazis en la pentrinda korto de la impona kastelo « Vavelo » pola festivalo, kiu lasos al ĉiuj ĉeestantoj neforigeblan impreson de grandeco. La vir-ĥoro « Echo » (direktoro Prof. B. Wallek), la operkantistino S-ino Walewska kaj kantisto, kies nomon bedaŭrinde nun ne venas al nia memoro, prezentis al ni plej belajn specimenojn el la pola muzikalbumo.

* * *

Jaŭdon matene ni ĉeestis kunvenon de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio en la domo de la Kuracistoj de Krakovo. Plej interesan paroladon ni aŭdis de S-ro Blassberg pri la historio de la Krakova Universitato kaj pri la rolo de kelkaj famaj kuracistoj el tiu urbo. Tiajn paroladojn ni dezirus havi en la programo de niaj ĝeneralaj kunvenoj: ili estas vere interesaj por ĉiuj. Prezentis ankaŭ tre gavajn laborojn S-ro Canuto, pri la medicino en la nova punkodo itala, S-ro Bulyovszky pri la patrina kaj suĉinfana prizorgo en Hungarujo kaj S-ro Leono Zamenhof pri la fuŝkuracistoj.

La saman matenon, « Literatura Mondo » organizis apartan literaturan feston, kiu estis viziteb'a post aĉeto de la Pola Numero de L.M., kaj en kies programo kunlaboris F-ino Lidja Zamenhof, S-ino Coleman, S-roj Font Giralt, Jean Forge, Baghy, Scherer, Ĉe, Sturmer, Jung kaj Morariu. La festo estis bone vizitata kaj la publiko multe ŝatis la prezentaĵojn.

Posttagmeze K.R. havis trian kaj lastan kunvenon, kiel la antaŭaj, prezidatan de S-ro F. Schoofs. Okazis ankaŭ la lastaj fakkunsidoj, nome tiuj de Kristana Ligo, de la Juristoj, de Paneŭropo kaj de la Farmaciistoj.

Tiun vesperon la gedancemuloj havis bonegan okazon ekzerci sian arton dum la internacia kongresbalo kiu brile sukcesis. Belaj kostumoj naciaj (polaj, ĉeĥo-slovakaj, estonaj, bulgaraj, hungaraj, k.a.) koloris plej ĉarme la tutan aranĝon. Du bonegaj orkestroj tiom efike subtenis la energion de la dancantaj paroj, ke ĉi tiuj « eltenis » ĝis la 5a horo matene! Juĝantaro multnombra komisiita por doni premiojn al la portantinoj de plej belaj naciaj kostumoj havis malfacilan taskon. Post multe da laboro ĝi tamen proklamis ke bulgara, hungara kaj estona fraŭlinoj gajnis sinsekve la unuan, duan kaj trian premiojn. La polaj kostumoj ne partoprenis en la konkurso.

* * *

Vendredon antaŭtagmeze okazis la tria laborkunsido, kiu komenciĝis per parolado de S-ro Brauer pri « Ŝlosiloj ».

Poste S-ro Merchant sciigis la novaĵon pri la elekto de S-ro Warden al la prezidanteco de la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio. Tiu novaĵo estis laŭte aklamita kaj ĝi estos certe kun ĝojo akceptata de ĉiuj fidelaj Esperantistoj.

S-ro Warden dankis kaj prezentis la oficialan raporton de la Akademio kaj Lingva Komitato, kiu estis unuanime aprobata. Poste S-roj Warden, Schoofs, Merchant kaj Robertson donis pri la prononcado de Esperanto diversajn interesajn detalojn kaj konsilojn.

Praktikajn konsilojn pri laŭcela propagando de Esperanto havigis S-ro R. Kreuz per sia parolado « Kiel propagandi plej efike ». Li poste klare montris la lastjaran progresadon de nia lingvo.

Poste S-ro Schoofs legis raporton de S-ro Höke, el Elberfeld, pri Esperanto kaj Stenografio. La raportinto ne povis iri al la Kongreso kaj tial sendis la dokumenton por antaŭlego.

Posttagmeze la L.K.K. kondukis la kongresanojn for el la atmosfero de la kunsidoj. Per speciala vagonaro ĝi veturigis ilin al Wieliczka, kie ili estis akceptataj en la stacidomo de la reprezentantoj de la urbo kaj de la tie funkcianta salminejo, ĉirkaŭitaj de ĉarmaj infanoj portantaj nacian kostumon. Tiuj geknaboj tuj amase disdonis florbukedojn al ĉiuj alvenintaj samideaninoj. Post kora bonvenparolo de la lokaj eminentuloj, ĉiuj sekvis muzikistaron, kiu ludis gajajn ariojn marŝante tra bela pejzaĝo al la salminejo, antaŭ kiu okazis fotografado grupa.

Tiam fulmrapide, po ses, ĉiuj kongresanoj estis enpuŝataj en la teron. Tiu laboro estis mirige plenumata sub kontrolo de du aŭ tri laboristoj. Alveninte ĉe la fundo de la foso ni komencis promenadon de du horoj inter muroj de salo (ne unu ne gustume konvinkiĝis pri tio !) kaj trairis diversajn grandajn kaj malgrandajn ĉambrojn, kapelojn, koncerthalon ; ni vidis la laborojn nun faratajn por la konstruo de brila balsalono kaj admiris grandiozan katedralon. En ĉiuj tiuj diversaj ejoj estas faritaj nur el salo la diversaj akcesoraĵoj kaj ornamaĵoj : katedro, konfesejoj, altaroj, statuoj, kristalaj lustroj, artreliefaĵoj, k.t.p. La promenado tra la galerioj subteraj fine kondukis nin en grandegan halon kun orkestra kiosko, bufedo, scenejo, poŝtkartvendejo, poŝtkesto. Tie la nacivestitaj infanetoj prezentis kelkajn polajn dancojn, kaj junaj kaj maljunaj kongresanoj pasigis duonhoron ripozante aŭ ekzercante la krurojn laŭ takto de la muzikaĵoj ludataj de la orkestro de la ministoj. Tie oni ne dancis sur vulkano sed en la ventro de la tero ! Strangan bildon prezentis tiu « fokstrotado » en tiu subtera misterplena halo.

Reveninte supren la ekskursintoj estis akceptataj de... pluvego ! Tio devigis ilin organizi kuradon al la stacidomo, por ne maltrafi la vagonaron, kiu estis rekondukonta ilin al Krakovo.

* * *

Kaj la sekvantan tagon oni leviĝis, konstatante ke tiu sabato estas la lasta tago de la kongreso, dum kiu ni antaŭtagmeze ĉeestis la ferman kunsidon, prezidatan de S-ro Merchant.

Oni akceptis proponon de S-ro Indra pri organizo de speciala propagando la 2-an de Junio, kiu estas la aperodato de la unua broŝuro pri Esperanto.

S-ro Merchant komunikis, ke I.C.K. decidis honori per donaco de sia ora medalo S-ron Prof. Christaller, la Germanan Esperanto-Instituton kaj la familion Zamenhof. Laŭta kaj longa aplaŭdado substrekis tiun komunikon. Poste li dankis al ĉiuj membroj kaj helpantoj de la L.K.K. pro la laboro liverita.

S-ro Bujwid esprimis sian kontentecon pri la bona sukceso de la kongreso, kiu kunigis pli ol okcent aliĝoj. Li dankis ĉiujn siajn kunlaborintojn kaj ankaŭ la gvidantojn de la centraj institucioj de la movado: S-rojn Merchant, Kreuz, Schoofs, Karsch, Jakob kaj la familion Zamenhof. Fine li dankis al ĉiuj, kiuj partoprenis la baldaŭ mortontan kongreson. Li ankaŭ havis gratulparolon por la antaŭkongresa kurso, organizita de la Int. Ĉe-Instituto. Apartan mencion li faris pri S-ro Warden, kiu estas verŝajne la sola ĉeestanto, kiu partoprenis ĉiujn 23 okazintajn kongresojn!

S-ro Schoofs faris ankoraŭ varman alvokon, por ke, reveninte hejmen, la diversnaciaj gvidantoj de nia movado ne forgesu tion, kio estis dirita ofte dum ĉi tiu mondfesto, nome ke plej necesa estas por efika laborado, la sincera kunlaboro inter la landaj societoj kaj la delegitoj de U.E.A. Poste li aklamigis la nomon de S-ro Merchant, kiun li dankis kaj gratulis pro lia bonega gvidado de la diversaj kunsidoj de la Kongreso.

S-ro Merchant insistis por ke ĉiuj laborantoj daŭrigu sian penadon por la antaŭenpuŝado de Esperanto en la mondo kaj por ke ili konservu plenan fidon en siaj koroj! Li dankis al siaj kolegoj en I.C.K., al la estraro de K.R., al la komitato de U.E.A. kaj laŭdis la laboremon kaj energion de la Direktoro de I.C.K.: S-ro Rob. Kreuz. Ĉi tiu respondis kortuŝite kaj petis pri la kunlaboro de ĉiuj samideanoj kun la centro de nia tutmonda movado.

S-ro Hasselbach, esprimis la dankon de la blinduloj pro la bonaj aranĝoj faritaj por ili. Tute aparte li menciis la laboron de F-ino Weinsberg.

Tiam D-ro Felikso Zamenhof faris altsentan adiaŭan paroladon. Li admonis al forigo de ĉiu pesimismo, kiu same malutilas kiel troa optimismo. Li atentigis pri la diro, ke nia organizo ne estas laŭtempa kaj rekomendas singardon por ne krei du kaosojn anstataŭ unu! Precipe, ni ne agu dise, ĉiu laŭ propra plano! Ni aŭdis, ke ĉiuj vojoj kondukas al Romo. Ne! Nur la vojoj bonaj! Ni bezonas gvidan centron! — Al tiuj kiuj timas, ke iam Esperanto estos forigata de nova konkuranto, li respondis ke la pli ol 40-jara vivo de Esperanto atestas, ke ni ne bezonas timi. La vortoj de S-ro Zamenhof estis longe kaj entuziasme aplaŭditaj.

S-ro Merchant leviĝis kaj deklaris la 23an kongreson fermita. Kaj la kongresanoj, kantinte la « Esperon » disiris, kriante « Ĝis revido en Parizo »!

* * *

Posttagmeze granda parto de la Kongreso veturis al la pola ĉefurbo Varsovio, kie okazis la postan tagon, Dimanĉon la 9an de Aŭg. memoriga ceremonio antaŭ la tombo de D-ro L. L. Zamenhof, kiun ĉeestis la filo Adamo, la filinoj Sofio kaj Lidja, kaj la frato Felikso Zamenhof. Parolis tie la reprezentanto de la hebrea komunumo, la delegito de la « Amitiés Internationales », kaj la reprezentantoj de diversaj nacioj ĉeestantaj. Por la belgaj esperantistoj parolis S-ro Schoofs. Post tiu emociiga soleno la esperantistoj iris al la strato en kiu estas la kliniko, kie D-ro Zamenhof laboris, kie li anĝele prizorgis kaj flegis tiom da malriĉaj samurbanoj, de kie li direktis la unuajn paŝojn de sia kreitaĵo Esperanto, kaj dissendis milojn da respondoj, konsiloj kaj admonoj al novvenintaj adeptoj, al propagandistoj kaj kunlaborantoj disigitaj en la tuta mondo. Ĉiam ekzistas la kliniko, en kiu la filo de nia majstro, D-ro Adamo Zamenhof, pie daŭrigas la homaman laboron de sia patro. Antaŭ tiu domo

okazis la malkovro de memortabulo, kiu sciigas al ĉiuj preterpasantoj ke en tiu domo vivis granda homo, bonfaranto de la homaro. La malkovro estis farita de reprezentanto de la Varsovia urbestraro. Ĉeestis la ceremonion delegito de la Vojevodo (Provincestro). Je la nomo de la Esperantistaro dankis S-ro Kreuz, Direktoro de I.C.K.

La 10an kaj la 11an la loka grupo organizis kelkajn festaranĝojn el kiuj unu el la plej belaj estis la reprezentado de folklora teatraĵo, kiu donis bildon de kamparana geedziĝo en la regiono de Sendomir.

* * *

Sub la ĉefa gvidado de nia bona amiko Ŝapiro, okazis la 12an de Aŭgusto alia postkongreso en Bialistoko, la naskiĝurbo de la aŭtoro de Esperanto. Matene la alvenintaj gastoj estis akceptitaj en la stacidomo, kaj kondukitaj en la urbon de armea muzikistaro. Je tagmezo estis metata la fundamenta ŝtono de la Zamenhof-Monumento por kies starigo estas nun malfermita internacia monkolekto, pri kiu jam sciigis nia organo. La monumento reprezentos 12 metrojn alta Babel-turo sur kies supro staras verdstelumita ŝildo. Ĝi estos farata el griza sabloŝtono. Ĉe la metado de la fundamenta ŝtono paroladis la Provincestro, la Urbestro kaj la Direktoro de I. C. K.

Post la tagmanĝo, kiu okazis en la restoracio Ritz, la kongresanoj vizitis la lignan domon en kiu vivis la familio Zamenhof kaj en kiu naskiĝis la patro de nia movado. Ne sen emocio oni povas rigardi la tri ĉambrojn el kiuj konsistis la hejmo, kiu ŝirmis la cerbon kiu naskis la ĉefverkon, kies bonfarojn jam nun ĝuas miloj kaj miloj da homoj sur la tuta tero; ne sen korpremo oni povas rigardi la kadukiĝantan kovritan lignan ŝtuparon, kiu kondukas al tiu pli ol modesta loĝejo. La strato mem en kiu staras la domo nun estas nomita Strato Zamenhof.

Sur la fasado de la domo estas fiksita granita memortabulo kun jena teksto:

En tiu ĉi domo naskiĝis la
15.XII.1857
la aŭtoro de lingvo internacia
ESPERANTO
D-ro L. L. Zamenhof.

Posttagmeze okazis postkongresa kunsido kaj vespere prezentado de Esperanta Revueto « La Verda Muelejo », post kiu la Vojevodo akceptis la kongresanojn al kiuj estis disponigata belega salono en la Vojevoda palaco por la organizo de internacia kostumbalo kun kabareda programo. La postkongreso finiĝis la 13an de Aŭgusto per ekskursoj al la arbaroj de Bialveĵa kaj al la lagoj de Augustov.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — "**La Verda Stelo**". — La 1 Aŭg. la membroj pasigis la vesperon amike babilante kaj amuzante sin per societaj ludoj. La 8an la sekretario, S-ro Faes parolis pri « Sunbanado ; ĝis nun ni ne aŭdis, ĉu multaj aŭskultintoj aplikis intertempe la bonajn konsilojn de la parolinto ; oni nur rakontis al ni, ke multaj el ili klopodis trovi la sunon, kiu laŭ la asertoj de li, posedus la radiojn, kiuj enhavas la elementojn bezonatajn por la rekomendita banado.

La 16an de Aŭgusto okazis ekskurso al Santhoven, en kiu partoprenis tri herooj, kiuj netimis la malmildan veteron, kiu tiun tagon regis la regionon ĉirkaŭ la urbo. Je ilia nomo legis S-ro G. Van den Bossche en sekvinta kunveno de la grupo, raporton verkitan de F-ino Lek.

La 22an estis la ĝenerala kunveno, dum kiu oni pritraktis la kursojn, kiujn la grupo malfermos dum la proksima sezono. Tie estis ankaŭ anoncite, ke la Estraro de Belga Ligo Esperantista akceptis la inviton de la grupo, organizi la belgan nacian kongreson de 1932 en Antverpeno, je la Pentekostaj festoj.

La 29an S-ro Fr. Schoofs interese kaj bonhumore raportis pri sia vojaĝo al la Kongreso de Krakovo kaj al la postkongresoj en Varsovio kaj Bialistoko. Pri lia tre detala kaj interesa parolado dankis lin S-ro A. Faes kaj varma aplaŭdado de la ĉeestantoj.

Por fini la monaton trideko da membroj partoprenis la anoncitan ekskurson al Namuro kaj Dinanto. La vetero vere favoris ilin tute speciale, havigante al ili plenan okazon ĝui la pentrindan pejzaĝon, kiu pasis antaŭ iliaj okuloj laŭlonge de la tuta vojo. En la urbo Namuro oni faris promenadon kaj en Dinanto, post la bonega tagmanĝo, oni vagadis en la arbaro al la historia fortikaĵo, de kies supro oni havis vidon sur la ĉarmoplenan valon de la Mozo. Dum la reveturo donis iom da emocio la uragano, kiu vespere suferigis la urbon Dinanton, kaj kiu per sia ekstremo tuŝis la veturilon antaŭ la alveno en Namuro. Malgraŭ tio la bona humoro ne unu momenton forlasis la aŭtomobilon, kiu bonstate rekondukis la ekskursintojn en Antverpeno je la 10a h. vespere.

ALOSTO. — "**Alosta Grupo Esperantista**". — La fondintoj de la juna grupo, provizore prezidata de kapitano Van Wanseele, priparolis la diversajn punktojn societajn : sidejo, biblioteko, kursoj, k.t.p. La proksima kunsido okazos en Septembro en loko kaj je dato konigota al la membroj post nelonge. Intertempe la nova grupo alvokas al la samideanoj alostaj kaj el la ĉirkaŭa regiono, kiuj deziras aliĝi, ke ili sin turnu tuj al kapitano M. Van Wanseele, Hertshage 43, kiu akceptos ĉiujn leterojn aŭ sciigojn ĝis la elekto de la definitiva komitato.

Ni aŭdis, ke la komitato de la jam ekzistinta grupo « La Pioniro » decidis, nekonsultinte siajn membrojn, ŝanĝi sian societan nomon en « Aalsta Esperantista Grupo ». Se tio estas vera, ni ne gratulas la eltrovinton de tiu ideo, ĉar li pruvas per tio, ke li ne povas vivi en paco kun la aliaj esperantistoj. La ĉefa kaŭzo de la fondo de nova grupo en la urbo kuŝas en la fakto, ke la unua grupo disiĝis de Belga Ligo Esperantista, kiu helpis ĝian starigon. Kial ĝi subite ŝanĝus sian nomon kaj preskaŭ laŭlitere kopius, ja imitaĉus la samideanojn, kiuj deziras resti fidelaj al la tutlanda neŭtra nur poresperanta movado en nia urbo?

BRUSELO. — **" Brusela Grupo Esperantista ".** — Dum Julio faris paroladojn: S-roj D-ro Kempeneers, kun admirindaj stereoskopaj lumbildoj (Pri Svedujo), kaj Pastuer (raporto pri la libro de Baghy « HURA! »). Ges-roj Spielfiedel legis dialoge komedieton de Azevedo, titolitan « Amo per proverboj », tradukitan de Couto Fernandes. Okazis ankaŭ la kutimaj kunsidoj: ĝenerala kunsido, parolata ĵurnalo, amuza vespero.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista".** — La 19an de Julio S-roj Guillaume kaj Poupeye, kasisto kaj sekretario, kaj S-ro Jos. De Coster, anstataŭanta standardisto, iris al la flag-sekvantaro en Ostendo, okaze de la inaŭguro de la monumento al Leopoldo II. La grupo ricevis premion de 200 fr. kaj belan arĝentan medalon kun la portreto de la antaŭa reĝo de la belgoj.

La 26an de Julio okazis aŭtobusa ekskurso al Ronso kaj Kluizenberg en kiu partoprenis dek-ses gemembroj. Ili forveturis je la 9a matene el Bruĝo kaj alvenis ĉirkau la 12a en Ronso, kie ili vizitis la ekspozicion de Esperantaj objektoj, libroj kaj muzikaĵoj; poste ili daŭrigis la vojaĝon ĝis « de Kluizenberg », kie ili unue tagmanĝis, poste vizitis la turon kaj amuziĝis kune ĝis la 6a, kiam ili hejmenveturis.

La 4an de Aŭgusto okazis kanta vespero prezidata de F-ino Boereboom kiu havis kiel helpantan akompanistinon, S-inon Stroobandt. La 11an la grupo akceptis du anglajn samideanojn, S-rojn King-Bung kaj Hall Ramsbatton kaj kimran, S-ron Harold E. Furrelt.

GENTO. — **" Genta Grupo Esperantista ".** — Pro la libertempo la kunvenoj okazis ĉe la Sekretario. Oni preparis la propagandon por la novaj kursoj, kiuj okazos de la komenco de oktobro proksima. Intertempe la grupanoj daŭre kunvenos la merkredon ĉe la Sekretario por alpreni la lastajn aranĝojn por sukcesigi la novajn kursojn.

HASELTO. — **" Haselta Grupo Esperantista ".** — La 18an de Junio okazis grupa ekskurso bicikleta tra la karbomineja regiono WINTERSLAG-ZWARTBERG-WATERSCHEI, kie ni vizitis nian tre simpatian samideaninon F-ino Adamkova, kiu tiatempe estis baldaŭ forlasonta Belgujon. Post agrabla akcepto kaj kunesto ĉe nia amikino, la partoprenintoj ĝoje reveturis (tra Genck) al Haselto, kie oni rehejmiĝis je la 8a vespere.

La bonsukceso de la ekskurso instigis la grupan komitaton, organizi alian ekskurson, tra la granda erikejo, al tre pentrindaj lokoj TERMEULEN-HENGELHOEF-KELCHTERHOEF k.t.p. Tiu ekskurso estis fiksita je la 9 de Julio, bedaŭrinde pro malbona vetero ĝi ne okazis kaj ĝi nun estas prokrastata ĝis pli taŭga okazo.

VERVIERS. — **" Verviersa Grupo Esperantista ".** — La grupanoj kunvenas ĉiulunde, je la 20.30a h. en la sidejo « L'Emulation ». De nun ili preparas la laboron farotan por la sukceso de la novaj kursoj, kiuj okazos venontan vintron.

LIEĜO-CHENEE-SCLESSIN. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — Daŭringante la serion de siaj ekskursoj tiel brile komencitan en junio per agrabla promenado al Sart Tilman-Tilff, la SLPE-anoj kunvenis ree la 19 Julio por ekskursi al Pepinster, Le Mousset, Chalsèche, Kastelo de Ma-

zures, Svisa Domo, Le Fraity, Chaityfontaine, Goffontaine. Malgraŭ la vetero iom pluvema je la forirhoro, multaj samideanoj partoprenis kaj la ekskurso trafis belan sukceson.

La 26-an de Julio, en la sidejo de la Societo okazis la disdono de la diplomoj al la laŭreatoj de la ekzameno de 28 junio. Tiuokaze ni havis la plezuron ricevi la viziton de Ges-roj Herion kaj Moncousin kaj de kelkaj ĝis nun ne konitaj samideanoj alvenintaj sekve de niaj sciigoj per la ĵurnaloj. La ceremonio komenciĝis per parolado de S-ro Baiwir, Prezidanto, kiu insistis ree pri la alta valoro kaj granda utilo de Esperanto kaj konigis la lastajn progresojn. S-ro Derigat, Prezidanto de la Junĝintaro, paroladante siavice gratulis kaj dankis junĝintojn, komitatanojn, profesorojn kaj kursanojn, kaj invitis tiujn ĉi ekklopodi kun ni. Sekvis la disdono de la atestoj kaj rekompencoj prizorgita de S-roj Herion kaj Moncousin. Ricevis la diplomon kun la plej granda distingo : F-ino Bolsée Berthe, S-ro Schuurwegen François, F-ino Liben Victorine, S-ro Thirifays Constant ; kun granda distingo : S-ro Fontaine Lucien. Parolante en nomo de la diplomitoj, S-ro Thirifays dankis junĝintojn kaj speciale profesorojn, donacis florojn al F-ino Baiwir kaj la belan verkon « Belga Antologio » al S-ro Dechesne. S-ro Hérion finis la kunsidon per belega parolado per kiu li konigis sian esperon pri la venko de Esperanto kaj invitis ĉiujn labori kuraĝe por helpi al la atingo de la sukceso.

La tuta monato Aŭgusto estis rezervata al la preparo de la venonta vintra agado. Krom la laborkunsidoj nenio speciala okazis. Ni menciu tamen la malfermon en Chênée de « libertempa » kurso gvidita de F-ino Baiwir.

---

# BELGA GAZETARO KAJ ESPERANTO

Nia gazetara servo diskonigis al la ĵurnalaro la rezolucion de la Brita Uniiĝo por la Ligo de Nacioj kaj ankaŭ dissendis ses komunikojn el Polujo pri la 23a Universala Kongreso de Esperanto de Krakovo kaj pri la postkongresaj solenaĵoj en Varsovio kaj Bialistoko. Grandan ĝojon ni havis, konstatante ke multaj gazetoj represis tiujn komunikojn, kiuj rapide informis la Esperantistojn el la tuta lando kaj ankaŭ la neesperantistajn legantojn pri la ĉefaj okazintaĵoj dum tiuj tagoj. Multajn eltranĉaĵojn ni ricevis de kelkaj membroj, sed certe ne ĉiujn. Ni atentigas ĉiujn samideanojn pri la fakto, ke estas grave por ni, ricevi ĉiujn eltranĉaĵojn de artikoloj kaj komunikoj pri Esperanto. Ili precipe donas al ni ideon pri la efiko de nia propra laborado.

Karaj liganoj, kiam aperas iu artikoleto koncernanta nian lingvon, ne hezitu : eltranĉu ĝin kaj sendu ĝin al ni. Precipe ne diru al vi, ke sendube ni jam legis ĝin, aŭ ke alia amiko jam estos ĝin sendinta al ni. Faru mem : ne gravas, ke ni ricevas la presaĵon du aŭ trifoje !

Speciale laŭda recenzo aperis en la Radio-gazeto « Sarov » pri la broŝuro « Inleiding tot Esperanto », eldonita de Belga Esperanto-Instituto.

La revuo « Jong Leven », organo de la evangeliaj knaboskoltoj publikigas kurseton de Esperanto.

La gazetaro belga ankaŭ publikigis informon pri la okazinta kongreso de la italaj Esperantistoj kaj pri la inaŭguro de la Esperanto-domo de la Ĉe-Instituto en Arnhem.

# PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

ANTVERPENO. — **"La Verda Stelo".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France ; ĉiusabate, 21 h. — Kantlernado de 20-21 h. en la sekretariejo : Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers.

5 Sept. : Amuza kunveno.

10 Sept. : je la 20a h., malfermo de nova kurso por komencantoj, en la urba Instituto, Belgiëlei, 99, avenue de Belgique. Eskribojn oni ankoraŭ akceptas en la leciono de la 17a de Sept.

12 Sept. : Diplomdisdono al la sukcesintaj lernintoj el la kursoj de S-roj De Ketelaere, Faes kaj Jaumotte. Je tiu okazo estos organizata koncerteto kaj intima dancado.

17 Sept. : je la 20a h. Malfermo de perfektiga kurso en la urba Instituto, Belgiëlei, 99 avenue de Belgique. Enskribojn en tiu unua leciono. Niaj grupanoj venu multnombre!

19 Sept. : Ĝenerala monata kunsido de la grupo.

26 Sept. : je la 19 h. 30 Mitulvespermanĝo en restoracio « Triumphator », Koornmarkt, 66, marché au Blé. Prezo po Fr. 5,—. Oni anoncu sin al la sekretario antaŭ la 22a de Sept. Post la vespermanĝo : Digestiga kunesto en la sidejo de la grupo.

BRUĜO. — **"Bruĝa Grupo Esperantista".** — Kunvenejo : « Oud Brugge » ; ĉiumarde, 20 h.

15 Sept. : Legado kaj elekto de teatraĵoj. Prezidos S-ro Ch. Poupeye.

22 Sept. : Interparolaj ekzercoj kaj ludoj. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

29 Sept. : Parolata ĵurnalo. Prezidos S-ino A. Stroobandt-Victoor.

6 Okt. : Kanta vespero. Prezidos F-ino Boereboom.

13 Okt. : Aranĝoj por propaganda festo kaj nova kurso. Prez. F-ino Y. Thooris.

20 Okt. : Interparolaj ekzercoj kaj intima babilado. Prez. S-ro Poupeye.

27 Okt. : Humora Vespero. Prezidos S-ro Guillaume.

BRUSELO. — **"Brusela Grupo Esperantista".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

7 Sept. : F-ino Obozinski parolos pri «La Ekspozicio en Vincennes». Poste : parolata ĵurnalo.

13 Sept. (Dimanĉo) : Ekskurso al Beersel.

14 Sept. : F-inoj Lacourt, La Haye kaj Obozinski, S-roj Adamski, André, Debel, La Haye, Lavisse dialoge legos « La Postulema Pentristo », unuaktan komedion de Tristan Bernard, tradukitan de S-ino Cormont-Wittrien.

21 Sept. : F-ino Jennen parolos pri siaj « Vojaĝimpresoj » (kun lumbildoj).

28 Sept. : Ĝenerala kunsido. Propagandaj rimedoj. Poste, ĉiuj ĉeestantoj pridiskutos la demandon : Kiam, kiel, kial vi lernis Esperanton?

HASELTO. — **"Haselta Grupo Esperantista".**

En la komenco de Septembro (je la fino de la libertempo) la grupa komitato preparos ĝeneralan grupkunvenon por pridiskuti la plej efikajn propagandrimedojn kaj por plivigligi la grupan vivon. En la unuaj tagoj de Oktobro

estas planata malfermo de nova Esperanto-kurso. La grupo akceptas tiun bonan principon de laboro: ke ĉiu nova membro ankaŭ tuj de la komenco de sia lernado estas membro de la societo loka kaj konsekvence ankaŭ de Belga Ligo Esperantista. Kiam ĉiuj grupoj faros same?

LIEĜO. — **" Societo Lieĝa por la propagando de Esperanto ".**

La 19-an de Sept. en Fontainebleau-teatro okazos « revuo », en kiun ni sukcesis enkondukigi scenon por Esperanto. La kantbroŝuroj enhavos krom la Esperanto-kantojn ankaŭ propagandpaĝon por nia afero.

La 20-an je 10-a horo SLPE donos en Radio-Cointe koncerton, kies programo konsistos el : teatraĵo valonlingva ludata de la « Gaillarde » de Lieĝo, parolado de S-ro Baiwir pri Esperanto, kaj kantoj de artistoj de la « Gaillarde » kaj de la bonega baritono Belhomme, kiu ankaŭ diros « odon al Esperanto ».

La 24-an komenciĝos en Radio-Cointe kurso de Esperanto, kiu estos farata ĉiun ĵaŭdon je 20-a horo de S-ro Derigat.

En Oktobro komenciĝos jenaj grupaj kursoj:

lundon la 5an, je 19 h. 30 en « Ecole des Grands Prés », Chênée, gvidota de F-ino Baiwir;

mardon la 6an, je 19a horo en « Ecole Hocheporte », Lieĝo, gvidota de S-ro Thirifays;

vendredon la 9an, je 19a horo en « Ecole du Château », Sclessin, gvidota de S-ro Dechesne.

Krom tio, ni sciigas ke de sia fondiĝo SLPE faras regule ĉiusemajne grandan propagandon per la ĵurnaloj « Les Attractions Liégeoises » (sia oficiala organo) kaj « Le Caméo ». Kelkaj ĉiutagaj gazetoj kaj nome « Le Journal de Liége » kaj « La Liberté » publikigas sufiĉe ofte kronikojn pri Esperanto.

---

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al Gesinjoroj **Aug. Seeldrayers-Rasquin**, membro de « La Verda Stelo », al kiuj naskiĝis filineto Maryse, la 23an de Julio

Al Gesinjoroj **Fritz Moors-De Koning**, al kiuj naskiĝis fileto Dolf. Apartajn gratulojn al la feliĉaj geavoj Ges-roj Willem De Koning, membro de « La Verda Stelo ».

Al Gesinjoroj **Morris De Ketelaere** komitatano de « La Verda Stelo », al kiuj naskiĝis tria infaneto Rudolf, la 27an de Julio.

Al S-ro **Oscar Van Schoor**, komitatano de « Belga Ligo Esperantista », okaze de lia elekto kiel Sekretario de Internacia Federacio de Farmaciistoj, en kies mezo li jam de multaj jaroj propagandis kaj enkondukis praktike nian lingvon.

Al S-ino **Algrain**, Vicprezidantino de la « Bruĝa Grupo Esperantista », pro la naskiĝo de nepineto Francine Algrain, la 4an de Aŭgusto.

Al F-ino **Andrée Algrain**, membrino de « Bruĝa Grupo Esperantista », kiu akiris en la Bruĝa Akademio de Pentrarto du unuajn premiojn kaj unu duan premion.

# ESPERANTISTA FESTO EN BULONJO

Okaze de la kongreso de la Nordfranca Federacio Esperantista, la amikoj de Bulonjo-sur-Maro invitis nin la 26an de Julio al la festoj por inaŭguri la *Placon Zamenhof* en tiu urbo. La speciala signifo de tiu solenaĵo en la urbo de nia unua universala kongreso, kiu estis la unua oficiala elmontro publika de Esperanto, instigis nin respondi al la invito. Belga Ligo Esperantista estis do reprezentata de Ges-roj Schoofs, Ges-roj Kempeneers, kaj S-ro Braet.

Jam de la antaŭa tago multaj komercistoj ornamis sian montrofenestron per Esperantaj flagetoj. Speciale citinda estis la fasado de la domo de gazeto « Le Télégramme », en kies ĉambrego estis organizita je la fino de Aŭgusto granda Esperantista ekspozicio.

Dimanĉon, la 26an, okazis en la teatro de la Kazino la ĝenerala kunveno de la Federacio, sub prezido de S-ro Deligny, el St. Omer. Diversaj interesaj raportoj estis legataj pri la agado kaj pri la financoj de la federacio; aparta diskuto okazis pri Esperanto en radio-rondoj. Antaŭ la fino de la kunsido, S-ro Schoofs alportis la saluton de ĉiuj belgaj samideanoj, li dankis la nordfrancajn samideanojn pro ilia fidela ĉeestado ĉe niaj belgaj naciaj kongresoj kaj invitis ilin multnombre partopreni en la belga kongreso de proksima jaro, kiu okazos je Pentekosto en Antverpeno. La aplaŭdoj al la vortoj de nia prezidanto montris, ke diversaj el la ĉeestantoj jam intencas favore respondi la inviton.

Post la kunveno oni trame veturis al la urbodomo, kie en la belega salono Eurvin la kongresanoj estis akceptataj de S-ro Bacquet, help-urbestro, ĉirkaŭata de S-ro Canu, deputito kaj de diversaj urbaj konsilantoj kaj funkciuloj. Post kiam nia malnova kaj ĉiam juna samideano Sergeant estis prezentinta al li la kongreskomitaton kaj la partoprenintojn ekster- kaj enlandajn, S-ro Bacquet deklaris sin feliĉa akcepti la esperantistojn unue, pro la grava historia rolo, kiun lia urbo ludis en la Esperanto-Movado, kies lulilo ĝi tieldire estis; poste, ĉar li estas amike ligita kun kelkaj unuahoraj propagandistoj de la lingvo internacia, inter kiuj li citas S-rojn Michaux, Sergeant, Duchochois, Barthélémy; kaj fine pro la eminentaj servoj jam faritaj de Esperanto, kies rolo estas plifaciligi la vivon helpante la internaciajn rilatojn ĉiuspecajn kaj tiel favorante la amikiĝon kaj la alproksimiĝon de la diversaj nacioj.

Li dankis la eksterlandajn delegitojn; li havis specialan vorton por la belgaj partoprenantoj kaj substrekis la faritan inviton al la proksimjara belga kongreso de Antverpeno, instigante la francajn esperantistojn grandnombre ĝin ĉeesti.

Poste li invitis ĉiujn trinki la honoran ŝaŭmvinon kaj levis sian glason je la sukceso de nia ideo.

S-ro Schoofs, je la nomo de la eksterlandanoj, dankis la urbestraron de Bulonjo pro la ĉarma akcepto rezervita al la kongresanoj. Li elvokis la unuajn horojn de la batalo por Esperanto kaj havis emocian saluton al la tiutempaj pioniroj, al la organizintoj de nia unua mondfesto de 1905, kiuj preskaŭ ĉiuj estas nun kunigitaj: S-ro Michaux, Ges-roj Sergeant, S-roj Duchochois, Baire, Barthélémy, Chavet, Rousseau, Lephay, Guéritte, Gaigneré, Ges-roj Parsons, F-inoj Pannevin kaj Pauchet.

Oni aŭdis ankoraŭ S-rojn D-ro Vanverts kaj Choghian, persa samideano. Post la akcepto ĉiuj iris grupe al la monumento de la militmortintoj, kie S-ro Choghian metis florkronon.

Festeno tiam okazis en la granda salono de la Kazino, de kie la kunmanĝantoj, sidantaj ĉirkaŭ flor- kaj stelornamitaj tabloj, havis ravan vidon sur la maron. La manĝaĵoj estis bonegaj kaj la vinoj delikataj. Ĉio estis « Esperanta », de krajono, kiu kompletigis la manĝilaron, ĝis la ĉampanvino.

Ĉe la honortablo flanke de la prezidanto, Senatano Farjon, sidis S-roj Canu, deputito, Hars, sekretario de la urbestraro, la delegitoj de la regiona gazetaro, la eksterlandaj delegitoj kaj la organizintoj.

Je la horo de la toastoj parolis S-ro Barthélémy, prezidanto de la loka grupo, por danki kelkajn bulonjajn eminentulojn, kiuj helpis al la sukceso de la festoj, kaj siajn kunhelpantojn en la organizo inter kiuj li speciale citis S-ron Duchochois, la agantan kaj agigan animon de la kongreso. Senatano Farjon belstile memorigis pri la unua kongreso, kiu kunvenis en la sama salono antaŭ 26 jaroj, pri la laboro de la genia aŭtoro Zamenhof, kiu trovis fortan apogon de la agema grupo de Bulonjo. Mia patro, li diris, tiama prezidanto de la Komerca Ĉambro, akceptis viajn vizitantojn kaj prezidis unu el viaj kunsidoj, por kiu li — pledante per la ekzemplo — lernis en tri semajnojn la elementojn de la nova lingvo (li tiam havis 63 jarojn) por ke li povu en Esperanto bonvensaluti la kongresanojn, kaj lia parolado estis aŭdata de ĉiuj ĉeestantoj. Li dankis pro la pia manifestado kiu baldaŭ okazos antaŭ la monumento al lia patro. Li laŭdis la ecojn de Esperanto, kies necesecon jam komprenas ĉiuj popoloj kaj elvokis la memoron de Zamenhof kies nomo nun ornamas plenrajte unu el la placoj de la urbo, kiel tiu de granda adopto-civitano, kies heredantoj estas la Esperantistoj.

La bela parolado de S-ro Farjon naskis grandan impreson.

S-ro Schoofs, je la nomo de la Konstanta Reprezentantaro, tostis al S-roj L. Sergeant, Duchochois kaj Michaux, la projektintoj de la Esperanto-flago, kiu de 26 jaroj flirtas super ĉiuj niaj festoj.

Parolis ankoraŭ S-ro Deligny, alvokante ĉiujn al estonta laboro; S-ro Wadham, prezidanto de la Londona Klubo alportis la saluton de la britaj esperantistoj, dum S-ro Vajda kaj Choghian sinsekve transdonis la amikajn sentojn de la hungaraj kaj persaj samideanoj.

Post la festeno la kongresanoj metis florgarbojn antaŭ la monumento de Ferdinand Farjon kaj antaŭ tiu de Kapitano Ferber, kie S-ro Chavet, kiu iam instruis Esperanton al la kapitano Ferber, memorigis per emociaj paroloj la mallongan sed gloran karieron de la malfeliĉa aviadisto.

Tiam oni iris al la placo antaŭ la stacidomo Tintelleries, kie en Aŭgusto 1905 D-ro Zamenhof elvagoniĝis por ĉeesti la unuan kongreson. Por honori la memoron de la granda scienculo kaj por daŭre pensigi pri tiu triumfa kongreso de 1905, la Nordfranca Federacio Esperantista petis de la urbo, kiu akiris la konsenton de la Kompanio de la Nordaj Fervojoj, ke ĝi donu la nomon Zamenhof al la malgranda placo antaŭ la stacidomo. Tiu placo estis zorge preparita kaj ornamita por la inaŭgura soleno. Sed je la momento mem de la ceremonio, la pluvo ekfalegis kaj devigis la pluvombrelojn sin malfermi. Malgraŭ ĉio multnombraj ĉeestantoj stoike restis sur la placo.

Post ludado de la nacia himno « Marseillaise », estis malkovrita la nomplato, kiu portas jenan tekston:

PLACE L. ZAMENHOF
(3-2-31)
Pour rappeler le premier congrès universel esperantiste (août 1905)
et la mémoire du créateur de la langue Esperanto.
(Congrès Fédéral esperantiste 26-7-1931)

S-ro Deligny, ŝirmita per pluvombrelo, eldiris belan paroladon per kiu li klarigis la celon de la ceremonio. Li faris la laŭdon de Zamenhof kaj de lia verko kaj teksante en sia parolado la belan poemon « La Vojo », li akcentis la progresojn de Esperanto. Li finis esprimante la deziron, ke post la Universala Kongreso de Parizo, en 1932, estu organizota postkongreso en Bulonjo, kiu estos kiel pilgrimo al la loko kie naskiĝis niaj kongresoj kaj nia verda standardo kaj kie okazis la unua kontakto de la aŭtoro de Esperanto kun la publiko Esperantista.

S-ro Bacquet, reprezentante la urbestron, gratulis ĉiujn venintojn al Bulonjo, kiuj, malgraŭ la malbona vetero, sukcesigis tiun feston de la memoro. Post ludado de muzikaĵo la ĉeestantoj ĥore kantis la himnon, kiu finigis la ceremonion.

Ni ne povas preterlasi sendi sincerajn gratulojn al la organizintoj de tiu bela tago, kiu lasos ne forigeblan signon en nia koro pri la Mekka de la Esperanto-Movado kaj pri la urbo kie estis proponita nia stelumita flago, kiu de tiam ĉirkaŭiris la tutan mondon.

## LA TAKSIMETRO ĈE LA ROMANOJ

Estas vere nenio nova sub la suno! Informo de la Roma Societo Arĥeologia sciigas al ni, ke la moderna taksimetro ne estis nekonata dum la Antikva Epoko. Lucius Vitruvius Pollio, arĥitekturisto vivinta dum la regnadoj de Aŭgusto kaj Tiberio, priskribis en sia «Traktato pri Arĥitekturo» la «rheda» n, roman promenad- kaj vojaĝveturilon, provizitan per dentrada meĥanismo, kiu registris la nombron de la turnoj faritaj de la veturilradoj.

La Romaj belulinoj, kiuj rulis en siaj elegantaj « rhedoj », amuzis sin multe, vidante la senlace trairitan vojon.

Cetere en Romo oni jam konis la leĝordonojn por reguligi la veturadon kaj ordon en la stratoj. La transportoj estis severe regulitaj kaj la nombro de la veturiloj estis fiksita, eĉ, en iuj okazoj, malpliigita de la leĝo. La « Lex Julia Municipalis », publikigita en la jaro 45a a.K. malpermesis, de sunleviĝo ĝis sunsubiĝo, la rondiradon en la stratoj de la Urbo, de la veturiloj transportantaj manĝaĵojn aŭ komercaĵojn kiajn ajn. Dumnokte nur ili estis tolerataj por eviti stratembarasojn.

El « L'Indépendance Belge », tradukis L. COGEN.

## SENCELAJ PENSOJ

En politiko kiel en farmacio, oni devas ĉiam skui la miksaĵon antaŭ ol ĝin uzi.

Bonfaro neniam estas perdita por tiu, kiu ĝin ricevis.

## AL LOUISE...

En nokto senluna, senstela
Mizere mi vivon trenadis;
En mondo memama, kruela,
Senhalte mi ĉirkaŭvagadis.

Nur vidis mi homojn senkorajn
Neniu amadon promesis;
Por peli momentojn dolorajn
Mi nur idealojn karesis.

Infanaj revadoj belegaj,
Neeblaj revadoj pri bono,
Al mi ĉiam estis karegaj;
Sed baldaŭ lumigos min kono!

Mi estis senscia blindulo:
Plenfide malfermis mi koron;
Sed larmojn verŝadis okulo,
Ĉar trovis mi... akran doloron!...

Terura ekbat' de l'realo
Min estis por ĉiam rompanta
Forlasis min tuj idealo,
Ĉar estis mi veron vidanta.
Ho ve!

---

Sed poste min trovis feliĉo,
Feliĉo ridanta, savanta...
Nek estis honoro, nek riĉo,
Nur estis knabino amanta.

Dum vintra vespero malvarma
Vagon' min forportis bruante;
Turmentis min penso malĉarma;
Mi libron legadis, revante...

Vi paŝis en saman vagonon;
Rigardis vi min dum momento;
Forlasis ni tuj la peronon:
Fajfado, kaj poste, silento.

Plurfoje okazis la sama....
La kaŭzon neniam mi sciis:
En koro naskiĝis la amo,
La sun' de espero radiis!

Forĵetis mi nigran pensadon,
Denove sanigis spiriton;
Mi volis feliĉan vivadon,
Malbenis seriozan mediton!

Kaj kiam ni brakojn kunplektas,
Rigardas okulojn profunde,
Mi tutan estonton konjektas,
Estonton feliĉan abunde.

*Originalaĵo de V. R. Nest, Kessel.*

## MULTPEZA BIBLIO

Ekzistas, en la Vatikana Biblioteko, hebrelingva biblio kiu pezas 62 kilogramojn.

Tri viroj devas kunigi siajn fortojn por ĝin transporti. La Historio rakontas ke en 1512 grupo de hebreaj bankieroj oferis por tiu verko sian pezon en oro. Sed Julio la IIa, la tiama papo, rifuzis seniĝi je verko tiel peza kaj tiel multvalora.

El la revuo « Le Musée du Livre », tradukita de L. COGEN.

## VENEZIO.

La aspekto de Venezio estas pli miriga ol agrab'a: unue oni kredas vidi subakvigitan urbon, kaj la pripenso estas necesa por admiri la genion de la homoj, kiuj konkeris tiun loĝejon sur la akvoj. Napoli estas konstruita amfiteatre sur la bordo de la maro; sed Venezio starante sur ebena grundo, la sonorilturoj similas al mastoj de ŝipo, kiu starus senmove en la mezo de la ondoj. Sento de malgajeco ekprenas la fantazion, kiam oni eniras Venezion. Oni forlasas la vegetaĵaron; oni ne vidas eĉ muŝon en tiu restejo: ĉiuj bestoj estas forpelitaj el ĝi, kaj la homo estas sola tie, por batali kontraŭ la maro.

La silento estas profunda en tiu urbo, kies stratoj estas kanaloj, kaj la bruo de la remiloj estas la sola interrompo de tiu silento. Ne estas la kamparo, ĉar oni ne aŭdas tie, la plej malgrandan movon; ne estas eĉ ŝipo ĉar oni ne antaŭeniras; estas loĝejo el kiu la fulmotondro faras malliberejon; ĉar estas momentoj, kiam oni povas eliri nek el la urbo, nek el sia domo. Oni trovas en Venezio, virojn el la popolo, kiuj neniam iris de unu kvartalo al alia, kiuj neniam vidis la S-tan Marko-Placon kaj por kiuj la vido de ĉevalo aŭ arbo estus vera mirindaĵo. Tiuj nigraj gondoloj, kiuj glitas sur la kanaloj, similas al ĉerkoj aŭ al luliloj, al la lasta kaj al la unua loĝejo de l'homo. En la vespero oni vidas nur la rebrilon de la lanternoj, kiuj lumigas la gondolojn; ĉar, nokte, i'ia nigra koloro malebligas distingi ilin. Oni dirus, ke estas ombroj kiuj glitas sur l'akvo, gvidataj de steleto. En tiu restejo, ĉio estas mistero, la regado kaj la kutimoj. Certe estas tie multe da ĝuo por la koro kaj la saĝo, kiam oni sukcesas penetri en ĉiujn tiujn sekretojn; sed la alilanduloj devas trovi la impreson de la unua momento, strange malgaja.

Mme DE STAEL.
Tradukita de P. Rogiers.

## LA DU VULPOJ

Du vulpoj, dum iu nokto, eniris surprize en kokejon, ili strangolis la kokon, la kokinojn kaj la kokidojn; post tiu multmortigo ili kvietigis sian malsaton. La unua, kiu estis juna kaj arda, volis manĝegi ĉion; la dua, kiu estis maljuna kaj avara, volis konservi provizon por la estonteco. La maljuna diris: «Mia infano, la sperto saĝigis min: mi vidis multajn aĵojn, de mia naskiĝo. Ni ne manĝu nian tutan havon en unu sola tago. Ni riĉiĝis, estas trezoro, kiun ni trovis, ni devas ŝpari ĝin.» La juna respondis: «Mi volas manĝi ĉion dum mi estas tie ĉi, kaj satigi min por ok tagoj, ĉar reveni tien-ĉi, estas io necerta, morgaŭ ne estos bone! La mastro por venĝi la mortigon de siaj gekokoj batbuĉos nin.» Post tiu interparolado ĉiu el ili prenas sian decidon. La juna manĝas tiom, ke ĝi krevas, kaj povas apenaŭ iri morti en sian terneston. La maljuna, kiu kredas, ke estas pli saĝe moderigi sian apetiton kaj vivi ŝpare, volas la sekvantan tagon reiri al sia kaptaĵo kaj estas buĉata de la mastro.

Tiamaniere ĉiu aĝo havas siajn malbonaĵojn: la junuloj estas senbridaj kaj nesatigeblaj en siaj plezuroj; la maljunuloj estas nekorekteblaj en sia avareco.

Tradukita de P. Rogiers. FENELON.

# XXIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

*(Antverpeno, 14-16 Majo 1932)*

## JUBILEO DE NIA ANTVERPENA GRUPO

Okaze de la 25jara jubileo de la Antverpena Grupo Esperantista « La Verda Stelo », Societo sen profita celo, fondita en 1907, la Estraro de Belga Ligo Esperantista akceptis la inviton de tiu grupo, organizi la 21an Belgan Kongreson de Esperanto en Antverpeno.

Kiel kutime ĝi okazos je la Pentekostaj tagoj, de la 14a ĝis la 16a de Majo 1932.

Niaj antverpenaj amikoj tre certe alportos al la organizo de tiu kongreso siajn plej bonajn kapablojn, kaj ni estas certaj, ke ĉiuj Esperantistoj el Belgujo kaj el la ĉirkaŭantaj landoj, kiuj iel povos tion fari, vojaĝos al la Skeldurbo por montri sian simpation al la jubileonta grupo.

En niaj proksimaj kajeroj aperos detaloj pri la programo, aliĝilo, kaj ĉiuj aliaj utilaj detaloj pri tiu Esperantista festo.

# DIVERSAJ INFORMOJ

LITERATURA MONDO. — Kiu povas sendi al ni la sekvantajn numerojn : III-a jaro: n-ro 2; IV-a jaro: n-oj 5, 11, 12; I-jaro (dua periodo) : n-ro 3. Eventuale bonvolu sendi kondiĉojn pri aĉeto aŭ interŝanĝo al Belga Esperanto-Instituto, 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

ESPERANTISTA KLUBO DE LA BADEN POWELL'AJ BELGAJ SKOLTOJ (Federacio de la Katolikaj Skoltoj de Belgujo) sciigas al ĉiuj interesuloj, ke ĝia nova adreso estas nun : 26 Tweelingstraat, Antverpeno (Belgujo), t.e. la nuna adreso de S-ro Jos. Van Gulck.

LA XXIVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO okazos en Parizo, de la 30a de Julio ĝis la 6a de Aŭgusto 1932. La adreso de la L.K.K. estas : 19, Rue de Passy, Parizo XVI. La kotizo estas fiksita je Francaj Fr. 125; por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas rabatkotizo de nur Fr. Fr. 30. Aliĝiloj jam ekzistas kaj estas haveblaj en Belgujo ĉe nia prezidanto : S-ro Fr. Schoofs, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno, kiu ankaŭ volonte akceptas kaj transpagas al L.K.K. la kotizpagojn.

RADIO. MALLONGAJ ONDOJ. — S-ro W. H. Matthews, Hon. Sekretario de Radio-Komitato, 142 High Holborn, Londono W. C. 1, sciigas, ke li disaŭdigas Esperante, helpe de angla amatora sendstacio, G5GZ, (ondlongeco 42 metrojn) dimanĉmatene. Li provos ankaŭ starigi rektan kontakton inter Anglujo (G5GZ) kaj Aŭstralio (VK-3CA). Li petas la radio-interesatojn en Belgujo, ke ili sendu al li raportojn pri la ricevado de la disaŭdigoj.

BELA LUKSA FALDFOLIO ILUSTRITA PRI PRAGO, ĉefurbo de Ĉeĥoslovaka Respubliko, estas eldonita de « Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista » sub aŭspicioj de Turisma fako de UEA. Ĝi estas senpage sendata al ĉiu kiu mendas ĉe la adreso : Socharska 333, Praha VII.

DEZIRAS KORESPONDI PRI POPOLKUTIMOJ : H. W. Green, 53 High Street, Hanford, Stoke o/Trent (Anglujo).

# BONHUMORO.

## AGRABLA LAŬDADO

Napoleono multe ŝatis ĝenkapti iun per subita demando. Iam li sidis, en Rouen, en boato sur la Seine.

— Kiel profunda estas tie ĉi la riverego? li subite demandis al prefekto Beugnot, esperante tiamaniere ĝeni lin. Sed la prefekto ne estis tiel facile kaptebla; senhezite li tuj respondis:

— Tiom da metroj, via Imperiestra Moŝto.

— Bone. Kaj kiom larĝa estas tie ĉi la Seine?

— Tiom da metroj, Moŝto!

Napoleono ŝajnis esti tiklita per la rapidaj kaj ĝustaj respondoj. Tial li daŭrigis:

— Kaj kiom da domoj staras sur ĉi tiu kajo?

— Tiom, Moŝto!

— Kaj kiom da birdoj transiras nun la riveregon?

— Nur unu, Moŝto: Aglo!

La imperiestro ridetis; li estis flatita kaj kontentigita!

PRAKTIKA KONSILO. — Financistaĉo submetis al advokato malfacilan situacion en kiu li estas.

La advokato: Mi opinias, ke vi farus pli bone, petante konsilon en la vojaĝoficejo ĉe la alia flanko de la strato.

INTER JUS GEEDZIĜINTOJ. — La juna edzino: Nun, kiam ni estas geedziĝintaj, ci komprenos — mi supozas — ke mi estas ŝparema, ĉu ne, karuleto?

La juna edzo: Ho certe, karulineto; tion ci pruvis al mi hodiaŭ matene, sendante al mi telegramon kiu kostis kvar frankojn por sciigi al mi, kie kuŝis mia dentbroso dufranka.

SE LI ESTUS SCIINTA! — Paŭlo kaj Petro, post longa hezito fine decidis sin kupoksigi. Iom nerve ili eniras kune la kabineton de la najbara kuracisto, kiu gratulis ilin pro ilia antaŭzorgemo kaj diris:

— Bonvolu nudigi vian maldekstran brakon!

Je tiuj vortoj Petro klinĝas furiozmiene al Paŭlo kaj diras duonvoĉe: Kion mi diris al vi, idiotulo? Vi ja vidas, ke ne estis la dekstra brako, kiun mi devis lavi!

PROBLEMO. — Pentristo, farinte mallertan paŝon, falas de tria etaĝo, kaj tute mirakle ricevis nur kelkajn malgravajn kontuzojn. Najbarino alkuras kun glaso da akvo. La vundito rigardas la bonan virinon kaj diras:

— De kioma etaĝo mi do devas fali por ricevi glason da vino?

INFANO LOGIKA. — Bubeto ludas, lasas fali sian ludilon kaj sin klinas por ĝin repreni. Re-leviĝante li puŝbatas la kapon ĉe la tablon kaj ekploras Manĝu cian supon, Paŭleto mia, diras al li lia patrino, tio malaperigos la ŝvelaĵon.

Paŭlo konsoliĝas, manĝas sian supon kaj post momento da pripenso:

— Panjo, se la kameloj manĝus supon, ĉu tiam ankaŭ malaperus ilia ŝvelaĵo?

RESPONDU AL TIO! — Fileto: Patrino, kial pluvas?

Patrino: Por kreskigi la fruktojn, karuleto.

Fileto: Kial do pluvas en la stratoj?

KLARIGO. — Sinjorino, malkontenta: Mario, estas honte; vidu, kuŝas du fingroj da polvo sur la seĝoj!

Servistino: Ne mirinde, Sinjorino, neniu jam sidis sur ili.

VIRINA LOGIKO. — Sinjoro iras kaj reiras antaŭ butiko, kie estas lia edzino. Post longa, longa atendo ŝi tiu fine reaperas.

— Tamen! plendas la edzo, ne estas bedaŭrinde! Se mi ne havas ses kilometrojn da trotuarpromenado en la kruroj...!

— Sed, amiko mia, flegme respondas la sinjorino, se vi ne povas resti trankvila, ĉu tio estas motivo por koleri kontraŭ mi?

BELA BLONDULINO. — Iu elegantulo amindumis idealan blondulinon, belulinon tridekjaran, vidvinon kaj patrinon de ĉarma knabeto. Iun tagon, ne kuraĝante malfermi la vojon de la senkaŝaj amkonfesoj, li diris al la infano:

— Aŭskultu, mia kara Luĉjo, se ci donas al mi harbuklon de via patrino mi donacos al vi belan moneron de kvin frankoj.

Luĉjo pripensas momenton, tiam tute naive demandas:

— Kiom ci donos al mi se mi havigas al vi ŝian tutan perukon?

## JUBILEA FONDIĜFESTO DE LA ESPERANTOGRUPO DE KOLONJO

***La 3an kaj 4an de Oktobro***

*Jarkunveno de la Rejnlanda-Vestfalia-Esperantoligo (REVELO)*

*Tradicia internacia kunveno ĉe la Rejnobordo.*

*Paroladoj de S-ro Scherer, speciala delegito de ICK (mondvojaĝo por Esperanto)*

### EL NIA PROGRAMO:

SABATON la 3an. — de la 12 h. akcepto de la partoprenantoj (akceptejo Hotel Frankischer Hof, Kommödienstrasse 32-36). — 16 h. gvidadoj tra la urbo. — 20 h. Jubilea soleno, poste amuza vespero (deklamoj, ŝercoj, teatraĵo, dancado).

DIMANĈON la 4an. — 11 h. parolado germanlingva de S-ro Scherer. — 14 h. laborkunsido de REVELO (por la REVELanoj). — 16 h. parolado Esperantlingva de S-ro Scherer. — 20 h. gaja vespero kun diversaj surprizoj.

LUNDON LA 5an. — ekskursoj laŭvole.

*Kolonjo vin invitas! La Rejno vin atendas!*

Bonvenaj do gesamideanoj el proksimo kaj malproksimo! Se vi volas pasigi agrablajn tagojn, vizitu Kolonjon, vizitu la Rejnon, partoprenu nian jubileon kaj nian internacian kunvenon. *Kotizo ne estos postulata. 20 gesamideanoj, kiuj unue anoncos sin, loĝos senpage.*

Favoran okazon por loĝi kaj manĝi je moderaj prezoj vi trovos en nia kunvenejo, Hotel Fränkischer Hof, Kommödienstrasse 32-36. (loĝado kun matenmanĝo 4 RM. tagmanĝo 1 RM., vespermanĝo 1 RM.). Anoncu vian aliĝon al Esperantogrupo, Leichlingerstr. 6, Köln-Deutz.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*JUNECO KAJ AMO. — Legendo el Venecio. Verkita de Edward S. Payson. Eldonita de The Esperanto Publishing Company 1930. 11×17. Paĝnumerado ne montrita. Prezo: Broŝurita 1 ŝ. 3 p. Bindita 2 ŝ. 6 p.*

Originale verkita, laŭ la romantika maniero, rakontas pri amanto, amatino kaj amiko. La amiko forfugas kun la amatino, kaj la amanto mortas pro doloro. Ni aldonu, ke la historio okazas en Venecio kaj ne en la moderna tempo. — La lingvo estas vortriĉa, flua, kaj tre legebla. La stilo iom emfaza, kadras kun la romantikeco de la rakonto. Kiu ŝatas pasiojn, amon, senesperon, legu tiun dramecan libreton.

*HOMO, DIO, PROFETO. de Lidja Zamenhof, Varsovio (Polujo). Eldonis: Bahaa Esperanto-Eldonejo, Weinheim a.d.B. (Germanujo) 1931. 15 1/2x23. 8 paĝoj.*

La enhavo estas parolado farita de la estimata filino de nia Majstro, okaze de la Bahaa fak-kunveno dum la XXIIa Univ. Esperanto-Kongreso en Oxford (Anglujo) la 8an de Aŭgusto 1930. La aŭtorino klopodas difini la diversajn ideojn: homo, Dio, profeto. Ŝi malkonfesas la materian koncepton de l'homo, afirmas ĝian spiritan konsiston, kaj la rilaton « kreitaĵo-Kreinto » inter homo kaj Dio.

La Profetoj estas « oraj radioj » « venantaj de Dio kiuj varmigas, lumigas, kaj donas al ni spiritan vivon ». Ĉefmotivo de la diversaj profetaj instruoj estas la Amo. — La aŭtorino serĉas la kontaktpunktojn inter la ĉefreligioj kaj Bahaismo. La tezo estas lerte prezentita kaj la diskuteblaj punktoj malpeze transsŝvebitaj.

La lingvo forte memorigas laŭ klareco kaj simpla eleganteco, al tiu uzita de nia Majstro. Kia ĝuo unika devas esti tio: defendi karan opinion per instrumento delikatsona, lingvo genia, kiu je ĉiu vorto rememorigas al la filino la patron amatan.

*LA MORTADO. — Prof. D-ro Hermann Nothnagel. Publika parolado eldirita en Wien la 25an de marto 1900. El germana lingvo tradukis Bernhard Selzer. Eldonis Esperanto Societo « Progreso » Wien. 15 1/2×23. Prezo 1 germ. Marko. Paĝoj 26.*

En tiu ĉi nelonga sed densenhava traktaĵo la aŭtoro sinsekve pristudas la demandojn: Kio estas la mortado? Kial ni devas morti? Ĉu la homo mortas ĉe la ekhalto aŭ per la ekhalto de la spirado aŭ en kiu alia maniero li mortas? Ĉu la mortado estas fizike dolora kaj turmentoplena? — Tiuj diversaj problemoj estas analizitaj laŭ la natur-esplora vidpunkto ekskluzive, kaj la respondoj proponitaj ŝajnas tute akcepteblaj. La tezo estas klare disvolvita kaj al kompreno multe helpas la bona korekta lingvo. Oni ja renkontas en ĝi kelkajn neologismojn, sed en scienca verko la kontraŭo povus mirigi. Entute verketo, kiu riĉigas nian lingvon kaj honoras tradukinton kaj eldoniston.

*PATROJ. — El la antikva hebrea literaturo « Miŝnalo » antaŭ 2.000 jaroj IV-a parto, IX-a volumo. El la originalo tradukis: Jozef Rabinovic (Tajc) eldonis: Erec-Izrael, Jerusalem, Palestino 1930. Fino de l'volumo « Patroj ». 13 1/2x20. Paĝoj 30. Prezo Rmk. 0.80. Heroldo de Esperanto.*

Fakto, ke la traduko devenas de la lando kie la originalo estis skribita, montras ke en ĉiuj rondoj Esperanto estas uzata por diskonigi al la homaro la nacian saĝecon, ĉu modernan ĉu antikvan. La traduko estas farita en funda-

menta lingvo kaj la enhavo estas interesa laŭ idea rilato. Jen unu eldiro: Kiu plimultigas posedaĵon, tiu plimultigas zorgojn; kiu plimultigas edzinojn, tiu plimultigas superstiĉojn; kiu plimultigas instruon, tiu plimultigas vivon; kiu plimultigas justecon, tiu plimu'tigas pacon... En la Ĉapitro Unua, paragrafo 4a: Ĉu la nomo « Joezer Credano » devas esti legata « Tsredano » aŭ ĉu ĝi estu skribota « Kredano »?

*SONOJ NOVAJ KAJ MALNOVAJ. — de Herbert Hesse. Originalaj versoj, 1930. Propra eldono de la aŭtoro. Ĉefdeponejo: Heroldo de Esperanto, Köln Germanujo. 12×18. Paĝoj 24. Prezo RMK. 0.50.*

Fine, ree poezio. Bela formo, sonora vorto, ne nur, feliĉe, sed ankaŭ ideoj, simple, nature esprimitaj sen afekto. Ni citu kiel ekzemplon de la verketo, la sekvantan trilinian verseton:

Vivo.
El nevidebla man' monero falis.
Ekbrilis. Eksonoris voĉ' metala.
Momento — malaperis son' kaj brilo.

Ĉiu Esperantisto devus almenaŭ konatiĝi kun la juveleto « Nia Lingvo » sur paĝo 22, kiu revokos en lia koro korŝvelantan senton iam ankaŭ sentitan.

*ESPRIMO DE SENTOJ EN ESPERANTO. D-ro Edmond Privat. Resumo de kurso farita ĉe la Universitato de Ĝenevo, en la lingvoscienca fako de la Beletristika Fakultato dum 1929 kaj 1930. Eldonis Universala Esperanto Asocio 1931. 12×17. Paĝoj 68. Prezo ne montrita.*

Esperanto estas jam sufiĉe longe uzita, kaj ludas jam tiel perfekte la rolon de vivanta lingvo, ke studo « a posteriori » iĝis necesaĵo.

D-ro Privat en brila stilo prezentas al la Esperantista popolo, siajn observojn rilate al Esperanto konsiderita en si mem kaj en komparo kun la aliaj kulturlingvoj. Pri tre interesaj detaloj ĝi atentigas, kaj entute ĝi malfermas kaj indikas vojon sekvotan de ĉiu Esperantisto por observi pli streĉe la fenomenojn de lingva evoluo, kiuj sin prezentas en nia lingvo. Leginda, releginda, studinda, pripensinda verketo, kiu honoras la aŭtoron. Ni gratulas lin kaj deziras al la libreto rapidan elĉerpiĝon kaj reeldonon.

*KONTURO DE OOMOTO. — Dua Eldono. Eldonita de Oomoto Propaganda Oficejo. Kameoka Kioto-hu Japanujo. 11×16. Paĝ. 20.*

Propaganda broŝuro destinita por klarigi la ekeston kaj estecon de tiu religia movado venanta el Japanujo.

*VOM KULTUR- UND BILDUNGSWERT DES ESPERANTO. — (Pri la valoro kultura kaj eduka de Esperanto). — Dr. Robert Trögel. Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig 1930. 15×22. Rmk. 2.— Paĝoj 77.*

Dek artikoloj en germana lingvo de diversaj aŭtoroj, i.a.: de D-ro Dietterle, grupigitaj kaj enkondukitaj de D-ro Trögel. Tio, kion ni povas kompreni el la peza kaj por eksterlandano malfacile travidebla, sinteza stilo, tamen konvinkas nin, ke la enhavo estas plenigita de interesaj ideoj, de rimarkindaj faktoj, kiuj devas montri al la rondoj de germanaj edukistoj kiom granda estas la kultura valoro de nia lingvo. Bele prezentita libreto, kiel ĉiuj de Hirt, kiu ĉe la germanlingvon komprenanta publiko havos certan efikon.

*MILANO KAJ LAGOJ DE LOMBARDIO. — Unua Serio de « La Verda Gvidlibro ». Eldonita de Itala Turisma Klubo, Milano. 112 Paĝoj, 9 Kartoj kaj 6 Planoj. 16×10,5. Prezo: Necitita.*

Tiu ĉi libro estas la unua en sia speco. Gvidlibro por vojaĝanto en la plena senco de la vorto, tio estas, plene laŭ la nuna kompreno moderna kaj teknika pri tiaj eldonaĵoj. La pres- kaj ĝenerala prezentmaniero en nenio diferencas de tiuj de la gvidlibroj Baedeker, Joanne kaj similaj. Ni esperas, ke la promeso, kiun enhavas la mencio « Unua Serio — Unua Volumo », estos plenumebla baldaŭ dank'al bona akcepto flanke de la Esperantistaro, kiun tiu ĉi montros al la eldoninta organizaĵo kaj al la kompilintoj, redaktintoj, tradukintoj kaj garantiintoj, inter kies nomoj ni trovas tiujn de niaj bonegaj samideanoj G. Vota, R. Orengo kaj G. Canuto, kiujn ni tute speciale gratulas pro ilia belega laboro, kiu certe restos kiel ekzemplo por multaj el ni.

*23a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. Oficiala Raportaro. Eldonita de la L. K. K. de la 23-a kiel aldono al la Kongres-libro. 92 paĝoj 22,5×15 cm.*

Laŭkutime tiu libro enhavas la diversajn raportojn de Internacia Centra Komitato, Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj, Universala Esperanto-Asocio, Esperantista Lingva Komitato kaj Akademio.

*KRAKOW. — Gvidlibro tra Krakow kaj ĉirkaŭaĵoj. Eldonita de Reĝa Ĉefurbo Krakow. 64 paĝoj. 15 Fotografaĵoj. 18x12,5 cm. Prezo necitita.*

Tiu lukse eldonita broŝuro estis senpage disdonita al la partoprenintoj de la 23a Univ. kongreso en Krakovo. Ĝi enhavas belan planon de la kongresurbo.

*INTERNACIONALSTENOGRAFIO EN ĈIUJ KULTURLINGVOJ. — ALDONO POR LA GVIDILO EN ESPERANTO. — Enkonduko kaj tri partoj de F. de Kunovski. — 3 broŝuroj, 16 paĝaj, 14×22 cm. Eldonis Instituto de Internacionalstenografio, Friedenstr., 79, Duisburg, Germanujo. Prezo: necitita.*

*NIA TEATRO. — Du teatraĵoj. — Parolĥoroj. — Versoj por deklamo. (Biblioteko de Sennaciulo N-ro 14). — 62 paĝoj, 11,5x15 cm. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr., 1, Leipzig 0-27, Germanujo. Prezo RM. 0,60.*

*NACIISMO. — Studo pri deveno, evoluado kaj sekvoj, de E. Lanti. — 124 paĝoj, 13x18,5 cm. Eldonis 1930: Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr. 1, Leipzig 0-27 (Germanujo). Prezo RM. 1,30.*

*MNEMONIKA INSTITUTO DE PROFESORO D. FAJNSTEJN. — Laŭ memorfortiga metodo trifoje premiita de la Pariza akademio. — Prospekto de la Mnemonika Instituto de Prof. D. Fajnŝtejn, Zawalda N-ro 15-11, Vilno (Pollando). — 16 paĝoj, 14x21 cm. Senpage havebla ĉe la Instituto.*

*ROSEROJ. — Dua Poemaro, de Adalberto Smit. — 64 paĝoj, 11x15 cm. Eldonis 1930: N. V. Joh. Ykema's Uitg. Mij., La Hago, Nederlando. Prezo: Guld. 0,75.*

Enhavas 47 poezietojn. Bele eldonita sur bona papero presita.

*VORTOJ de Kamarado E. Lanti. — Kun antaŭparolo de L. Banner. 191 paĝoj. 13x19 cm. Eldonis 1931: Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr., 1, Leipzig 0-27 (Germanujo). Prezo RM. 2.—.*

*LA GRANDA LEGO DE RESANIGO de E. Geraldine Owen. — El la angla tradukis M. S. Rutter. — 12 paĝoj 12,5x15 cm. Eldonis: The London Unity Centre, 78 Lancaster Gate, London W. 2, Anglujo. Prezo: Britlando 9 p. Aliaj landoj Sv. Fr. 1,—.*

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.